# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, Slovakotour, ĈSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • MAJO 1951 • NUMERO 5

## Enhavo:



## Informoj de SES:

**Hlasujeme za mier:** proti remilitarizácii západného Nemecka a zradnej reakcii, za utvorenie mierového paktu štyroch veľmocí!

**Kľúč jazyka Esperanto** dostať za Kčs 5.— v každom Slovakotoure!

**Esperantské manželstvo.** E. Sekerka z Vrútok a A. Šterbáková zo Svitu uzavreli manželstvo dňa 26. mája t. r. v M. Slavkove. Svojim spolupracovníkom a horlivým samideánom srdečne blahoželáme!

**Valné shromaždenie EAČSR a SES za r. 1950** bude v nedeľu dňa 17 júna t. r. o 8. hod. v Slovanskom dome (Praha-II., Příkopy 22) s programom podľa stanov. V sobotu dňa 16. VI. o 20 hod. soznamovací večierok pražského E. klubu v Prahe II., Štěpánská 3 „U Šumavy". O nocľah píšte hneď na adr.: EAČSR, Praha-II., Malá Štěpánská 7. Účasť hostí a záujemcov vítaná.

**Schôdzka českých a slov. esperantistov na Čantorii** bude v nedeľu dňa 24. júna. Bližšie viď v tomto čísle. Prihlášky na adr.: Vlad. Slaný, Ostrava—Vítkovice, Kutuzovova 29.

**Krajová schôdzka Žilinskej oblasti a celoslov. schôdzka perantov SES** bude dňa 1. júla, v nedeľu o 10 hod. v Martine, v budove Matice slov. Program: 10—13 porady, 13—15 spoločný obed a odchod na výlet resp. do Múzea. Prihlášky na spol. obed a prípadné ubytovanie najneskoršie do 25. júna na adr.: Slov. esperant. sdruženie, Martin, Slovakotour (tu možno reklamovať i pozvánku s podrobnejšími informáciami).

**III. letné kurzy esperanta v Rožnove p/Radh.** (14—28 júla) budú mať tento program: 1. kurz pre začiatočníkov, 2. pre pokročilých, 3. prípravný pre kandidátov učiteľstva, 4. skúška spôsobilosti vyučovať esperantu. — Prihlášky prijíma a bližšie informácie podáva: Vlad. Slaný, Ostrava—Vítkovice, Kutuzovova 29.

**Letná kolej esperanta v Doksách** (28. VII.—11. VIII.) vydá žiakom osvedčenie o účasti na kurzoch a v seminári

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adresa: Martin, Slovakotour), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zástupca Dr. Ľ. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Pošt. sporit.: S-9615, Slov. esperantský ústav, Martin. — Novin. výplatné pov. Riad. pôšt pod číslom 22.857-I.-1948. Dozorný a podací pošt. úrad Martin. — Výmer PIO č. 27.407/49-III/2.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adreso: Martin, Slovakotour, ČSR-Slovakujo), organo de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto D-ro. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: Tlač. závody TATRAN, n. p., Martin.

(podľa min. zprávy). Vyučovanie v škol. budove denne od 8. do 12 h. okrem nedele. Popoludní: pobyt na rozsiahlych plážach jazera, kúpanie, spoločenské besedy, žatevná brigáda; večer: umel. akadémia, benátska noc na jazere, táborový oheň, 5. letný karneval a i. Hlavné výlety: popoludní na hrad Bezděz, celodenný autokarový do neznáma. — Počet účastníkov obmedzený na 150. Prihlášky do kurzu a do lit. súťaže „IV.Floraj Ludoj“ (diela dosiaľ neuverejnené a nie staršie ako rok), prijímajú sa len do 15 júla t. r. Bližšie informácie v prospekte, ktorý si vyžiadajte od LKE (Doksy u Máchova jezera č. 453).

**Nepripusťte likvidáciu alebo zánik esp. skupiny bez zapojenia do ROH.** Naopak teraz, keď náš Sväz dostal prípis Nár. Fronty zo dňa 16. IV. t. r., ktorý potvrdzuje úspešnú prácu čs. esperantistov a vyzýva v nej pokračovať, je našou povinnosťou pozakladať čo najviac krúžkov a starať sa o ich riadne umiestenie a činnosť. Sväz (resp. SES) zostáva ako organizačné ústredie, ktorému členovské treba ďalej odvádzať.

**Vydávanie Kultura Revuo** PIO zastavilo, keďže z republiky nemôžu vychádzať dva rovnaké bulletiny.

**Esperantské múzeum** (vlastne oddelenie Múzea) v Trenčíne bolo zrušené, keďže úradná komisia vyradila — pri reorganizácii a typizácii muzejníctva — všetko, čo presahovalo miestny rámec a význam.

**Esperanto v slov. obrázkových časopisoch.** Týždenník „Život“ v č. 50 r. 1950, v rubrike „7 X z historického týždňa“ uverejnil portrét Dr. L. L. Zamenhofa. Obrázkový týždenník „Nedeľa“ uverejnil v č. 51-52 r. 1950 obrázkovú montáž „Pozdravy zo sveta“, sostavenú z esperantskej korešpondencie trenčianskych samideánov. „Nedeľa“ so zreteľom na chystané splynutie týždenníkom „Život“ prestala uverejňovať veľmi obľúbenú rubriku „Samideano“, ktorú redigoval Ján Lamačka.

**Spolupráca so Slovakotourmi.** 2. číslo tohto ročníka časopisu Esperantisto Slovaka, venované Martinu, vyšlo starostlivosťou Slovakotouru v **Martine**. Slovakotour v **Bratislave** vydal ilustrovaný esperantský prospekt o hlavnom meste Slovenska. — Slovakotour v **Trenčíne** vydal ilustr. prospekt o Trenčíne s esperantským úvodom a seriu pohľadníc z Trenčína a okolia s esperantskými podtitulmi. Zásluhou trenčianskeho Slovakotouru vyšla i Veľká učebnica esperanta, z pera J. V. Dolinského. — Slovakotour v **Košiciach** pripravil vydanie príručky „Kľúč jazyka Esperanto“.

**Keď žiadate informácie,** nezabudnite pripojiť frankovanú zpiatočnú obálku!

# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, Slovakotour, ĈSR-Slovakujo
V-a JARKOLEKTO • MAJO 1951 • NUMERO 5




LA UNUA DE MAJO,

la festotago de la tutmonda laboristaro, estis en Ĉeĥoslovakio festita kiel tra-rigardo de la sukcesoj en konstruado kaj porpaca klopodado de la tuta Ĉeĥo-slovaka laboranta popolo.

## Multe fluis da sango . . .

Multe fluis da sango,
por ke estu jam paco
sopirata por homo kaj nesto,
sed per nova lavango
al homaro minacas
la senhonta kruela hombesto.

Jam krimuloj ariĝas,
jam preparas la bombojn
por frakasi, detrui, bruligi,
sangaj manoj leviĝas
por puŝadi en tombojn,
kontraŭ frato la fraton instigi.

Sed popoloj ekstaras,
ho, tremegu, krimuloj,
ne sukcesos klopodo sagaca!
Ni kuraĝe batalos
ĝis — laŭ niaj postuloj —
venkos la prava ideo porpaca!

*Władysław Dańda.*

*I. Schoon, Nederlando:*

## Vizito ĉe vojaĝanto en la regno de steloj

(Labortage terfosisto, vespere scienculo).

Ĉiu en sia vivo foje meditante rigardis al la firmamento, kie trembriladas milmiloj da steloj, kvazaŭ orumitaj pingloj kun enkadrigitaj juveloj sur blue-nigra, velura kusenego. Ĉi-kaze oni demandadas al si mem, kiom da kaj kiaj mirakloj sin kaŝas en tiu senfinaĵo, kiun oni nomas kosmo aŭ universo. Plurmiloj da okuloj en ĉiuj mondanguloj, ekipitaj per fortegaj teleskopegoj, serĉade fiksrigardadas seninterrompe al la regno de la steloj, por malkovri ĝiajn sekretojn. Tion ankaŭ faras la okuloj de la senafekta terfosisto-betonumisto el Halfweg (vilaĝo, situanta duondistance inter Amsterdam kaj Haarlem. Halfweg = Duonvojo). Tiu ĉi viro plenmerite akiris honorlokon inter la astronomiistoj, lokon kaj famon per siaj neelĉerpebla pacienco, amo al astronomio, sed precipe per sia neimagebla persistemo. Trifoje li malkovris novan stelon, neniam antaŭe observitan. En 1938 li estis en Nederlando la ununura, kiu malkovris novan stelon en la konstelacio de „Aglo“.

Forlasante Haarlem-on per elektra tramo, je la limo ni preterpasas la belegan „Amsterdaman Pordegon“. Ĝi estis konstruita proksimume en 1450, kiel enireja parto, el la ĉirkaŭurba remparo. Ĝin preterpasinte, la tramo veturas sur la ŝoseo al Amsterdam. Nur kanalo estas inter ĝiaj relparoj kaj la vagonara fervojo. Kvaronhoron, eĉ malpli poste ni jam forlasas la tramon en Halfweg. Ie-tie senokupe staras kelke da vilaĝaj knaboj kaj al areto el ili ni demandas la vojon al la „Stelobservejo“. Tio sufiĉas, ĉar la amatoro-astronomiisto estas fame konata ankaŭ en la vilaĝo. Do la knaboj tuj proponas siajn servojn konduki nin al „la stranga rigardoŝranko“ (verŝajne la vilaĝnomo por „observatorio“).

Denove kvaronhoreto — kaj jen ni staras antaŭ la loĝejo de la serĉata viro. Sur la pordotabulo ni legas: P. G. MEESTERS. Juna virino malfermas la pordon kaj petas nin iri malantaŭ la domon en la ĝardenan garbejon: „Tie vi certe trovos lin“. La garbejo montriĝas esti observatorio tiel perfekte ekipita, ke ni ne kuraĝus nomi ĝin amatora.

Meesters sidas ĉe sia labortablo. Baldaŭ ni senĝene interparolas:

— Kiel mi venis al la decido fari ĉi tion? Nu, per legado. Estante proksimume 18-jaraĝa, en ĉiu libera minuto mi puŝis mian nazon en librojn. Min interesis ĉiaj. Iun tagon en miajn manojn venis kelkaj pri astronomio. Tiuj vekis en mi la deziron helpi al malkovrado de la sekretoj en ili priskribitaj... La rezulton vi povas vidi ĉi tie.

Ni rigardas ĉirkaŭe. Tie en la kupolforma observatorio staras kelkajn metrojn altaj teleskopegoj, propramane konstruitaj de Meesters mem. Elektromotoro funkciigas meĥanismon, per kio la teleskopego akurate sekvadas „la turniĝon de la firmamento“ (kompreneble, estas la tero, kiu moviĝas). Per tiu genie kreita aparato Meesters povas fari fotojn de la universo, eĉ kiam necesas kelkhora ekspontempo.

— Ĉu la prezo de tia instrumentaro estas „astronomie“ alta? — ni demandas. Li respondas ridetante:

— Por semajna salajro ĝi ne estas aĉetebla!

Ne, lia ĉiusemajna salajro ne sufiĉis, sed li estis entuziasmega kaj dotita per fortega volo. Tial li sukcesis forigi ĉiujn financajn barojn.

Tuj post la unua mondmilito li konatiĝis kun eksterlanda instrumentisto, kiu i. a. faris ankaŭ lornojn, teleskopojn. En la kapon de Meesters venis bona ideo kiel akiri monon! Li provis kaj sukcesis vendi dekokon da lornoj. Per la profito li aĉetis materialojn kaj mem konstruis siajn

teleskopegojn. Eble ili estas iom pli bonaj ol la en fabriko faritaj, sed malpli bonaj ili certe ne estas! Pruvo pri tio ja estas la neordinaraj honorlistoj de liaj malkovroj! Tial li aĉetis lensojn tutpretaj, mem konstruis lornojn kaj vendis ilin.

Tiam okazis katastrofo ... En unu nokto neniiĝis lia vivlaboro ... En la nokto inter 19-20a de decembro 1938 la tuta observatorio forbrulis ... La multvalora biblioteko, la teleskopegoj, ĉio, ĉio perdiĝis! Nur tre sensignifa parto estis asekurita!

Dum momento ŝajnis, ke Meesters estis tute konsternita, venkobatita. Tamen baldaŭ venkis liaj persistemo kaj energio. Kune kun sia filo kaj ties amiko li komencis rekonstruadi. Denove el nenio, per nenio!

Nun la observatorio denove estas kompleta, eĉ pli ol antaŭ 10 jaroj. La stelatlaso (kartaro), kiun li mem desegnis, forbrulis en 1938, sed ĝi jam denove proksimiĝas al la kompletiĝo.

Kvankam la amatora labortereno kompreneble estas malpli granda ol tiu de la „oficialaj astronomiistoj", pro tio, ke la unue-nomitaj ne povas disponi pri ĉiuj perfektigitaj helpiloj, tamen restas tre grava laboro por la amatoroj.

— Mi nun okupiĝas precipe per observado de tiuj steloj, kies lumforto alterne fortiĝas kaj malfortiĝas (la t. n. ŝanĝiĝemaj steloj). Vi scias, ke ne ĉiuj steloj estas samfortaj. Tion oni povas konstati eĉ per nearmitaj okuloj. En la astronomio oni klasifikas la stelojn laŭ ilia heleco en 13 aroj: steloj de la 1-a, 2-a ktp. „grandeco". Per nearmitaj okuloj estas videblaj la steloj de la 1a-6a grandeco. La aliajn oni povas observi nur per teleskopegoj. Estas konate, ke kelkaj steloj ŝanĝiĝadas. sed pri la kaŭzo oni nemulte scias. La preciza observado de tiu ĉi fenomeno havas nun mian plenan intereson ...

Meesters havas sian propran opinion pri la fakto, ke en Sovet-Unio la tuta popolo kunlaboras en la scienca tasko, kiel ekz. okaze de la eksperimentado de Lysenko:

— Estas neĝuste fari kiel oni faras en okcidenta Eŭropo, subtaksi kaj eĉ ne rekoni la valoron de la science nekulturitaj. Ĉu mi pruvu tion? Tiam permesu al mi informi vin, ke la grandegan floradon (pligraviĝon) de la astronomio kaŭzis la metodoj, enkondukitaj de amatoroj: esplorado per fotografilo kaj spektroskopo. Tombaugh, la viro, kiu en 1930 admir-ekstazigis la mondon per sia malkovro de la planedo „Pluto". origine estis amatoro. Unue li estis okupita kiel „cowboy"!

# Ni marŝas renkonte al la vivo

Kanto de progresema nederlanda junularo

Tradukis en Esperanton: I. Schoon kaj G. J. Degenkamp.

Transpreno petata, kondiĉe ke la fonto kaj la tradukintoj estos nomataj.

Marŝe.

Ke ve-nos fe - liĉ', i-uj pen-sas, kaj

dor-mas ĝis ve-nos sun-lum', sed ta-goj i-

li-aj pre-te-ras dum daŭ-ras la nok-ta nig-

Rekantaĵo.

rum'. Re-va-du, ki-u e-mas, sed ni mar-ŝas

for ren-kon-te al pli ga-ja viv' el zorg-an-

gor'!

Vekiĝu el nokto ĉagrena!
Pretiĝu por tag' de l' estont'!
En frua mateno serena
Eksonu gajrido tra l' mond'!
Rekantaĵo . . .

Sur kampo kaj vojo sonoras
La kanto de nia anar' . . .
La flago de l' venk' alte gloras.
Nin timas la malamikar'!
Rekantaĵo . . .

*J. Akkuraters:*

# Fianĉo

*Jes, en la mondo okazas ĉiel.*

*Por iu la afero estas agrabla kaj bela. Li sin sentas kiel fiŝo en akvo. Li estas kuraĝa, ridetema kaj ĝoja — ĉar li estas fianĉo, kaj tio signifas la samon, kiel foje dum la vivo esti reĝo.*

*Sed al Martin Vecvagars okazis io alia. Sola senkulpigo estos nur tio, ke li edziĝis, tiel dirite, dum paca tempo, kiam la knabinoj ankoraŭ ne havis fortonditajn harojn kaj mallongajn jupojn kaj ne pendigis sin mem je kolo de viro.*

*Martin alvenis al ni dum Georga tago; li estis silentema kaj tre timema, sed laborema. Precipe, kiam Eva alproksimiĝis al li aŭ ion donis al li, li montris tian timon kaj konsternon, kvazaŭ leonino estus alproksimiĝanta al li.*

*Eva estis bela knabino, bona, gaja kaj diligenta en laboro kaj ĉiam bonhumora.*

*Jam de-malproksime Martin ŝin ofte kaj silente observis, fumante sian mallongan pipeton. Pli kuraĝa li fariĝis nur tiam, kiam li, revenınte iam de bazaro aŭ urbo, ricevis ion pli fortan por eltrinki.*

*Somere, dum tempo de fojno, li ne povis plu tion elteni. Li konstante troviĝis sur herbejo apud Eva.*

*— Eva ... Eva ... nu, aŭskultu! Nu, mi petas vin ...*

*— Nu, kion do? — Eva returniĝis kaj demandis lin kuraĝe. Martin konfuziĝis:*

*Nu, mi nur tiel ... nur tiel ... Kaj post momento denove:*

*Enjo, nu, mi petas vin! Estu tiel afabla ...*

*Fine Eva plu ne atentis lin, sed la petoj de Martin ne fariĝis pli maloftaj.*

*— Enjo, nu, mi petas, mi petas vin! Nu, aŭskultu ja min.*

*— Ĉu vi deziras trinki? Nu, prenu — ŝi diris, donante al li la kruĉon, el kiu ŝi mem estis trinkinta.*

*— Mi dankas ... oni povas ja ankaŭ trinki ... Li trinkis kaj alrigardis la knabinon kiel virkato, kiu en sunlumo embuskas paserojn.*

*Pli multe sin esprimi ol „Mi petas, Enjo ...“ ĝis aŭtuno li ne sukcesis.*

*Aŭtune, kiam oni rikoltis terpomojn, Martin denove estis apud Eva:*

*— Sed Enjo ... nu mi petas ... mi petas. Estu tiel bona!*

*— Kio ree okazis? Kion vi bezonas? — Eva lin firme demandis.*

*Martin movis siajn lipojn, englutis salivojn, sed li neniel povis diri, kion li bezonas.*

*Post tia klara demando de Eva, Martin eĉ forviŝis ŝviton, sed pli klare sin esprimi li ne povis.*

*Tiel la afero daŭris ĝis malfrua aŭtuno.*

*Kiam la rikolto jam estis draŝita kaj Martin estis ricevinta sian salajron kaj aĉetis novan veston, li invitis sian amikon, la altan Petron el la najbara domo, kaj post tagmanĝo ili iris al Eva.*

*Eva akceptis la gastojn ridetante kaj petis ilin sidiĝi.*

*Martin alrigardis Evan, kiel kato suneton, alternadis siajn piedojn, ĝemis kaj fine diris:*

*— Sed Enjo ... nu mi petas, mi petas ...*

*— Kion ĝi signifas? Kion vi deziras? ... Eva jam ridetis. Martin movadis la piedojn kaj ŝvitis.*

*— Nu, vidu, Enjo, ankaŭ Petro estas ĉi tie. Nu, mi petas vin, Enjo.*

*Eva ekridis tre sincere:*

*— Jam ree. Ĉu vi freneziĝis? Nu, kion do signifas tio?*

*— Vere, mi ne povas kaj ne povas esprimi tion ... Nu, mi petas vin, mi petas vin, kara Enjo.*

*— Demandu lin, Petro, kion li bezonas? Ĉu fliki ŝtrumpetojn aŭ pantalonojn aŭ triki gantojn por aŭtuno? Eva sin turnis al Petro.*

*— Nu, diru vi, Petro, diru. Mi petas vin — Martin puŝetis Petron antaŭen.*

*— Ho, vi vera pantoflo — diris Petro kaj kraĉis. — Vidu, Eva, li deziras al vi edziĝi! — diris Petro mallonge kaj klare.*

*— Ho, tiel! Kiu tion povis imagi? Al mi jam ŝajnis, ke li ne estas normala kun tiu sia „Mi petas, mi petas vin“. Ĉu vi mem ne povis diri ĉi tiujn vortojn?*

*— Vere mi ne povis, vere ne, tutege ne. Eĉ se mi estus devinta morti! ... Martin estis jam pli ĝoja.*

*— Nu, dankon pro la svatado, Martin, dankon. Mi jam sentis, sed vi diris nenion. Mi devos pripensi, Martin. Unuan fojon mi tion aŭdas.*

*— Nu, mi petas, mi petas vin Enjo — diris Martin ree ... Nu Petro, iru nun for, — li diris al la amiko. — Nun estas bone. Iru do.*

*Sed Petro ne iris.*

*— Ĉu al Eva kison doni povos vi mem, aŭ mi devos tion fari anstataŭ vi? Mi konsentus pri tio ... Kaj li tordis siajn longajn nigrajn lipharojn. Eva ridis kiel freneza.*

*La saman aŭtunon Eva ankoraŭ ne edziniĝis al Martin. Ili havis edziĝfeston unu jaron pli poste, kiam Martin jam povis pli multe paroli. Sed ke li estus kisinta sian fianĉinon, pri tio mi dubas.*

*Esperantigis el la litova Milda Jakubcová.*

# Proverboj

en traduko de Zamenhof.

Rostita kolombeto ne flugas al buŝeto.
(Upečené holuby nelietajú do huby.)

Sen laboro ne venas oro.
(Bez práce nebývajú koláče.)

Kia ago, tia pago.
(Aká práca, taká pláca.)

Pli bona io ol nenio.
(Lepšie dačo ako nič.)

Ne ĉio brilanta estas diamanto.
(Nie je všetko zlato, čo sa blyští.)

Homo proponas, Dio disponas.
(Človek mieni, Pán Boh mení.)

Ĉiu vulpo sian voston laŭdas.
(Každá líška svoj chvost chváli.)

Tra unu orelo eniras, tra la dua eliras.
(Jedným uchom dnu, druhým von.)

Ĉie estas varme, sed hejme plej ĉarme.
(Všade dobre, doma najlepšie.)

Popolo diras, Dio diras.
(Hlas ľudu, hlas boží.)

Malsaĝa kiel ŝtipo.
(Hlúpy ako poleno.)

Pro kapo malsaĝa suferas la kruroj.
(Kto nemá v hlave, má v nohách.)

Sata malsatan ne povas kompreni.
(Sýty lačnému neverí.)

Fiereco venas antaŭ la falo.
(Pýcha pred úpadkom chodí.)

Kiu pli frue venas, pli frue muelas.
(Kto prvej príde, prvej melie.)

Ne estingu la fajron, kiu vin ne bruligas.
(Čo ťa nepáli, nehas.)

Li foriris kun longa nazo.
(Odišiel s dlhým nosom.)

Volus kato fiŝojn, sed la akvon ĝi timas.
(Chcela by mačka ryby, ale do vody sa bojí.)

Kia vivo, tia morto.
(Aký život, taká smrť.)

Longe ĉerpas la kruĉo, ĝis ĝi fine rompiĝas.
(Dotiaľ chodí krčah na vodu, až sa raz rozbije.)

Al ĉevalo donacita oni buŝon ne esploras.
(Darovanému koňovi nepozeraj na zuby.)

El du malbonoj pli malgrandan elektu.
(Z dvoch ziel čo menšie si vyber.)

En la tago de sankta Neniamo.

(Na svätého Nikdala. Na sv. Vida, čo nebude nikda.)

Pli bone malfrue ol neniam.
(Lepšie pozde ako nikdy.)

Kie ne estas konsileble, tie ne estas helpeble.

(Komu nieto rady, tomu niet pomoci.)

Akvo silenta subfosas la bordon.
(Tichá voda brehy myje.)

Trafis falĉilo sur ŝtonon.
(Trafila kosa na kameň.)

Ĝis la edziĝo ĝi resaniĝos. Ĝis la edziĝo venos resaniĝo.
(To sa ti zahojí, kým sa oženíš (vydáš.)

Matena horo estas plena de oro.
(Hodina ranná zlato doháňa.)

Kiu fosas sub alia, falos mem en la foson.
(Kto druhému jamu kope, sám do nej padá.)

Kiu malmulton ne ŝatas, multon ne meritas.
(Kto si málo neváži, veľa nezasluhuje.)

Eĉ blinda kokino povas trovi grajnon.
(I slepá kura nájde zrno.)

Gardu min Dio kontraŭ amikoj — kontraŭ malamikoj mi gardos min mem.
(Chráň ma, Bože, od priateľov — od nepriateľov sa ochránim sám.)

Ĝi estas akvo al lia muelilo.
(To je voda na jeho mlyn.)

Kia patrino, tia filino.
(Aká matka, taká Katka.)

Nova balailo bone balaas.
(Nová metla dobre metie.)

Ne diru „hop!“ antaŭ la salto.
(Nehovor hop!, kým nepreskočíš.)

*Ĉudomir:*

# Donaco

*Ĉe perono de la stacidomo amasiĝis multe da homoj. Jen oficialuloj: la urbestro, vestita oficiale, kun klak-ĉapelo surkape kaj bukedo enmane; apud li la vicurbestro kun malmola ĉapelo; la subdepartementestro, kun lipharoj majeste hirte-elstarantaj; la progimnazia direktoro, kies aspekton plibeligis la ankaŭ tiuokaze bongladitaj pantalono kaj nova krato kpt. . . . .*

*La vagonaro alvenis lacmove, kelkfoje elspiregis kaj haltis. Elvagoniĝis la pasaĝeroj, konsistantaj el virseksaj, virinseksaj estaĵoj: etuloj, korpulentaj personoj, longuloj, malaltuloj kaj altranguloj. Ĉies okuloj tamen streĉe kaj fiksrigarde koncentriĝis al la speciala kupeo, per kiu alveturis la gasto de nia lando, la granda franca ŝtatisto Edvardo Herriot. Jen, li montris sian kvadratforman kapon, karnohavan nazon kaj pipon enbuŝe.*

*Grandega homamaso. Muzikistaro muzikegis, homoj bruegadis, seninterrompe aŭdiĝis „hura“ kaj solenaj bonvenigoj france kaj bulgarlingve, surprizigaj intersalutoj en lingvoj franca, bulgara eĉ turka. Kaj en tiun solenan manifestacion subite enŝoviĝis nia G a ĉ o, la brokantisto, kiu tute neatendite prezentis sin kun grandega buntkolora akvomelono antaŭ la mirigita gasto kaj diris:*

*„Bonjour, Monsieur Herriot! Mi kuraĝas bonvenigi vin ĉe ni kaj en la nomo de mia familio mi prezentas al vi ĉi tiun modestan donacon — la akvomelonon! Un cadeau, un petit cadeau, s' il vous plait! Donaco por via vizito! Mi volonte donacas ĝin al vi. Pardonu!“*

*Herriot dankis ĝentile, akceptis la donacon kaj transdonis ĝin al apudstaranta kunvojaĝanto, premis la manon de Gaĉo, amikece frapetis lin surŝultre kaj daŭrigis la vojon al la urbo.*

*Mi rigardis Gaĉon, kiu estis paŝanta ĉe la vosto de la homamaso, tre enpensiĝinta kaj malĝojmiena. Atinginte lin mi diris al li:*

*„Bravo, Gaĉjo, bravo! Bonege vi prezentis vin al la gasto. Via faro estas vere bela kaj laŭdinda. Vivu, Gaĉjo!“*

*Li kapklinis kaj rediris:*

*„Ah, profesoro, mia projekto plene fiaskis! Mi dece elmontris mian homaĝion. Kion pli? Mi ja ĉion bone preparis, sed li tute ne agis laŭre-*

*gule! Ĉu li perdus multe, se li estus al mi enmaniginta 20-30 frankojn da fremda valuto? Ĉu nur pro lia „merci" mi kunportis ĉi tiun 16-kilograman akvomelonon? Ĉu vi pensas, ke mi nur pro lia aŭtoritata eksteraĵo forlasis mian brokanttabulon, rezignante pri tre serioza, laborplena kaj monprofita negoco? Domaĝe; sed mi mem kulpas. Mi lasis min trompi de tiu aĉulo Papuneka, kiu min fervore admonis: — Alportu, alportu ĝin, Gaĉjo, donacu al li ĉi akvomelonon; vi certe profitos multe! Kiam Wanderweld venis en nian landon, mi donace transdonis al li apenaŭ duonkilograman grapolon da vinbero kaj li rekompence ŝovis en mian manon bankbileton de cent levoj ... — Mi blasfemas, meditante pri mia nepripensita ago. Jen, taŭga profitebleco!*

*„Faras nenion, Gaĉjo! Se vin hodiaŭ ne trafis bonŝanco, verŝajne el Francujo li sendos monon; kompreneble, se vi diris al li vian nomon!"*

*„Mia adreso estas ja markita sur la akvomelono! Ho, jes, dum tri horoj nia Toŝo per tranĉileto majstre gratskribis ĝin kaj profesoro Gatju instruis min pri la francaj bonvenigaj vortoj!"*

*„Kaj kion gratskribis via Toŝo sur la grandegan okvomelonon?"*

*„Vive la France! Vive la Bulgarie! ... Kaj sube: Gaĉo Naĉev, ĝardenisto, Str. Bezimenna 7.*

*„Ho, tiam via afero estas certa kaj vi tute ne bezonas ĉagreniĝi kaj grumbli!"*

*„Bonege. Sed imagu: dum tagmezo Herriot kaj la oficialuloj tagmanĝos. Tiumomente en la kuirejon estos transdonita la akvomelono kaj la kuiristo, nepriatentante la surskribaĵon, fiere kaj decideme fortranĉos kaj forigos mian adreson kaj mian revon ...!"*

*Kaj, kvazaŭ timvekiĝinte pro sia malseriozaĵo, frato Gaĉo kunpreminte sian ĉapelon, disetendis siajn longajn krurojn kaj plirapidigis siajn paŝojn por atingi la homamason.*

*Dum 5 jaroj post tiu ĉi evento, nia frato Gaĉo revis pri poŝtmandato kaj atendadis senpacience fremdan monvaluton. Kvin jarojn senespere kaj vane li demandadis la leterportiston, ĉu oni ne sendas al li la sopiratan monrekompencon.*

*Finfine lia pacienco elĉerpiĝis, lia respublikanemo forvaporiĝis kaj li konvertiĝis — al faŝismo!*

Esperantigis el la bulgara: *Dimitr Ivanov*

*J. V. Dolinský:*

# Soneť printempa

Alaŭd', kantisto ĉarma kaj fidela,
jubilu ĝoje pro la Primaver'*)
kaj ŝutu are kantojn al la Ter',
plugisto kaj al knabineto bela

anseridaron al paŝtejo pela!
Ho verŝu varmon el etera sfer',
zefiron gajan veku en l' aer',
Suneto, flava ormoner' ĉiela!

Eĉ ardan amon veku, Primavero,
en sopirema, pura homa kor'!
Sonoru brue birda kantoĥor'!

La mens' pleniĝu nur de just' kaj vero,
sufiĉas jam la kruda homsufero!...
Eksonu kant', ekfloru gaje flor'!

---

* Printempo

# Opinioj pri Esperanto

(Sendis *E. Vince*, Arad, Rumanio).

ROMAIN ROLLAND

*mondkonata verkisto, premiita per la Nobel-premio (1866—1944):*

Esperanto devas esti instruata devige en ĉiu mezlernejo. Daŭraj seriozaj internaciaj rilatoj estas sen Esperanto neeblaj. Esperanto redonas la aŭd-kapablon al tiuj surduloj, kiuj estis dum jarcentoj fermitaj en la malliberejoj de siaj (naciaj) lingvoj.

ROMAIN ROLLAND

*svetoznámy spisovateľ, nositeľ Nobelovej ceny (1866—1944):*

Esperanto treba povinne vyučovať na každej strednej škole. Bez esperanta je trvalý a vážny medzinárodný styk nemožný. Esperanto vracia sluch hluchým, ktorí boli po stáročia zavretí vo väzení svojich (národných) jazykov.

SOVETA SCIENCA AKADEMIO
*okaze de la VI-a Proletara Esperanto-Kongreso en Leningrad en 1926:*

La Sovetia Scienca Akademio esprimas sian esperon, ke la esperantista movado fortege akcelos la disvolviĝon de vastbazaj internaciaj rilatoj inter laboristoj kaj unuigos la laboristajn masojn en ilia nobla celado al progreso kaj solidareco.

GEORGI DIMITROV
*batalinto por la libereco de la bulgara nacio, konstruinto de la nova Bulgarujo:*

Vi devas labori plu. Antaŭ ĉio skribu kaj eldonu broŝuron pri la nova, demokrata Bulgarujo, pri ĝia spirito kaj pri la sukcesoj, atingitaj sur kampo de ĝia ekonomia, spirita kaj socia rekonstruo. Vi estas neŭtrala organizo, viaj rilatoj kun aliaj esperantistaj organizoj estas valoraj kaj vi devas ilin bone profiti.

SZAKASITS ÁRPÁD
*eksprezidento de la Hungara Popola Respulbliko:*

La ideon de internacia lingvo hodiaŭ plu ne subtenas nur kelkaj fanatikuloj, plu ne nur kelkaj ĝiaj heroldoj, sed la amaso de ĝiaj konvinkitaj anoj daŭre kreskas. La espehantista movado ĉiam pli nehaltigeble fortiĝas je kultura movado.

SOVIETSKA AKADÉMIA VIED
*z príležitosti VI. Proletárskeho esperantského kongresu r. 1926 v Leningrade:*

Sovietska akadémia vied vyjadruje svoju nádej, že esperantské hnutie vyvolá mohutný rozvoj široko založených medzinárodných stykov medzi pracujúcimi a sjednotí pracujúce masy v ich šlachetnom úsilí o pokrok a solidaritu.

GEORGI DIMITROV
*bojovník za slobodu bulharského národa, budovateľ nového Bulharska*

Musíte aj ďalej pracovať. Predovšetkým napíšte a vydajte brošúru o novom, demokratickom Bulharsku, o jeho duchu a o jeho úspechoch, dosiahnutých na poli hospodárskej, duchovnej i spoločenskej znovuvýstavby. Ste neutrálna organizácia, vaše styky s esperantskými organizáciami sú cenné a musíte ich dobre využiť.

SZAKASITS ÁRPÁD
*bývalý prezident Maďarskej ľudovej republiky:*

Za myšlienkou medzinárodného jazyka dnes nestojí už len niekoľko fanatikov, nielen niekoľko jej hlásateľov, ale masa jej uvedomelých prívržencov neustále rastie. Esperantské hnutie stále nezadržiteľnejšie mohutnie v kultúrne hnutie.

*K. Janouš:*

# Ĉantoria

Ĉantoria estas monto en silezia Beskyd--montaro (900 m s. m.). Sur ĝia klinita supro kondukas la ĉeĥoslovaka-pola limo. Proksimume en centro de la supro, sur ĉs. flanko, staras turista rifuĝejo. Al la monto ni vojaĝas per la fervojo Bohumín—Košice. En Bystřice ĉe la Olza-rivero ni elvagoniĝas kaj per aŭtobuso atingos la urbon Nýdek, kiu estas jam ĉe la montpiedo.

Antaŭ la milito dekoj kaj centoj da esperantistoj pilgrimis ĉiujare al la pinto de Ĉantoria, por pasigi tie tagon, kiun ili poste ĝoje rememoris. La kunvenojn partoprenis ĉeĥaj, polaj kaj germanaj samideanoj, sed dividis ilin nenio; ili havis perfektan interkomprenilon: Esperanto detruis ĉiujn barojn. Neniu zorgis pri nacieco. Ĉie aŭdiĝis nur kaj nur Esperanto.

Venis okupacio. Pasis jaroj. Iujn samideanojn kovris la tero eĉ kun iliaj idealoj. Sur Ĉantoria ĉesis soni Esperanto.

En la jaro 1948 kaj denove en 1949 samideanoj el Esperanto-Klubo Ostrava kunvokis tien kunvenon, klopodante renovigi la malnovan gloron de esperantista Ĉantoria. Partoprenis ankaŭ Poloj. Bedaŭrinde iuj konfliktis kun la polaj limgardistoj kaj tial en 1950 ĉiuj Poloj malakceptis la inviton. Tamen niaj gesamideanoj partoprenis multnombre (pli ol 120).

Estus inde doni al la kunvenoj sur Ĉantoria novan spiritan enhavon, por ke la entrepreno, promesinta malkovri novajn kulturajn valorojn, ne fariĝu nure turisma.

Mi opinias, ke gravan vorton ĉe solvo de ĉi tiu problemo povus havi slovakaj esperantistoj, precipe el nord-okcidenta Slovakio. Ekzistas diversaj eblecoj: ekinteresigi slovakajn samideanojn kaj rekompence trovi similan entreprenon (lokon) en Slovakio kaj kunvenadi ĉiujare sur alia. Aŭ ĉu kunvenadi ie ĉe moravi-slovaka limo? Se vi havus alian proponon, publikigu ĝin!

Ĉi-jare, kiel kutime, la kunveno sur Ĉantoria okazos la 24-an de junio (dum ia ajn vetero). Ĉeestu! Ĝis revido!

---

*Aŭskultu Radio Sofia,*
kiu elsendas en Esperanto trifoje dum semajno: marde, vendrede kaj dimanĉe ekde la 19.00-a ĝis 19.15-a horo laŭ mezeŭropa tempo (18.00—18.15 laŭ Greenwich-a tempo) per ondo 39.11 m. Per la Esperanto-elsendoj de Radio Sofia vi informiĝos pri la ekonomia, politika kaj kultura vivo de la Popola Respubliko Bulgario. Skribu al Radio Sofia.

## EL ESPERANTUJO

**El eksterlando ni ricevis jenajn sciigojn.** Belgujo. La 35-a Belga Kongreso de Esperanto okazis en Bruselo dum Pentekosto (12-14 an de majo). — Danlando: Dana Internacia Studentkomitato, en kunlaboro kun Studenta Esperanto-Klubo en Kopenhago, aranĝos arkeologian tendaron por esperantistaj studentoj la 3-17 an de julio, en la insulo Bornholm (la Dana Paradizo) apud la vilaĝo Dalshoj. Sub gvidado de arkeologoj de Nacia Muzeo en Kopenhago ili partoprenos elfosadon de domoj el la frua ferepoko. — Nederlando: Dum Pasko ĉi-jara okazis en Amsterdam solena kongreso de Asocio de Laboristaj Esperantistoj, kiu en la regiono de nederlanda lingvo festas sian 40-jaran ekziston. Ĝia agado estis ampleksa kaj multflanka. Por lingva kontrolo de eldonotaj manuskriptoj ĝi starigis en 1937 Literaturan Komitaton, kiu poste fariĝis internacia. El la du asociaj gazetoj Laborista Esperantisto (propaganda kaj informa) atingis 20-an, La Progresanto (studa) 13-an jarkolekton. — El Izraelo (oficiale):

Kiam dum la ferma kunsido de la 35-a Universala Kongreso de Esperanto en Parizo, estis komunikita la invito al la 36-a en München, kaj kiam „la kongreso sen ia konstraŭstaro kaj sub senrezerva aplaŭdo“ (laŭ atesto de „Esperanto“, N 538, Sept. 1950) ĉi tiun inviton akceptis, restis la izraelaj kaj alilandaj judaj kongrespartoprenintoj, eble ne la solaj, kiuj enkore forte malaprobis ĉi tiun nematuran kaj senpripensan decidon. Sed ne dezirinte per laŭta kontraŭo profani la solenecon de la kongresferma ceremonio ili ne protestis kaj ne proklamis tuj surloke, sian malkonsenton. Ili preferis lasi al sia landa asocio fiksi la sintenon koncerne al la kongresa decido. La tutlanda komitatkunsido de Esperanto-Ligo Izraela, kune kun reprezentantoj de la lokaj grupoj, okazinta en Tel-Aviv, la 16-an de decembro 1950, post serioza pripenso formis sian jenan opinion: La urbo München, la naskiĝejo kaj la citadelo de la sovaĝa hitlerismo, restis por ni simbolo de rasa malamo, hombuĉado kaj eksterma militemo ,cele akiri la mondon kaj sklavigi ĝin. La mondmilito, kies flamoj ekbruliĝis en München pereigis multajn homojn, kaj ni ĉiuj, tra la tuta mondo, perdis niajn karajn parencojn, antaŭ la okuloj de la tuta germana popolo kies lando fariĝis por la malfeliĉaj viktimoj unu granda suferkoncentrejo kaj kadavrotombarejo. La torturoj, la veoĝemoj, la agonioj de la milionoj de niaj samgentanoj ankoraŭ tremas en niaj koroj, povas esti forgesitaj nek en nia, nek en la venonta generacio. Tial la konscienco diktas al ni foresti de la kongreso en München. Ĉiu judo, havanta en si fajreron de memestimo, sentos same kiel ni. Germanujo, en kiu la eĥoj de la hitlerisma frenezo ankoraŭ nun laŭtvoĉe aŭdiĝas, devas ankoraŭ multe peni por anime reedukiĝi kaj esti inda gastigi en siaj urboj kulturajn internaciajn kunvenojn. Sed nuntempe, ĝuste kiel esperantistoj, kun profunda bedaŭro ni sentas, ke en la aero de München, nia verda standardo flirtos kiel grimaca moko al ĉio, kion ĝi sankte emblemas. Tial la decido okazigi la 36-an Universalan en München, bedaŭrinde malebligas al ĉiu Hebreo, en la unua vico al ĉiu izraellandano, partopreni la venontan kongreson.

ELI-estraro.

## ANONCETOJ

MALLONGIGOJ: dez.—*deziras;* kor. —*korespondi;* iŝ.—*interŝanĝi, -as;* pm. —*poŝtmarko;(n);* pk.—*poŝtkartojn;* il. pk.—*ilustritajn pk;* ĉ. l.—*ĉiuj landoj;* ĉ t.—*ĉiuj temoj;* t. m.—*tuta mondo;* espaĵoj(n)—*esperantaĵoj(n);* esp isto—*esperantisto;* ktp.—*kaj tiel plu;* k. s.—*kaj simile;* rk.—*respondkupono internacia;* g.—*gazeto;* Rc!—*respondas certe!*

Ĉiu anoncanto morale devigas sin respondi almenaŭ unufoje al ĉiu, kiu skribos al li.

S-ano Aŭg. Cambál, regiona peranto de SES, MARTIN, Rázusova 130, ĈSR-Slovakujo. dez. kor. kun t. m. pri t: ĝeneralaj, pri pedagogio, psiĥologio; tekniko kaj metodoj kiel disvastigi Esperanton, iŝ. esp-aĵojn kaj taŭgan literaturon. Rc!

S-anino Pipina Panaiotová, BURGAS, str. Luben Karavelov 27, Bulgario, dez. kor.; iŝ pm., pk., g-ojn ktp.

s-ano Kuanchi Li, TIENTSIN, 2 Hungren Li (1) Kweiyang Road, Ĉinio, 21-ja filatelisto dez. kor. kaj iŝ. pm. kun t. m.

s-ano Ján Šolc., 18-ja fraŭlo, POPRAD-VEĽKÁ 49, ĈSR-Slovakio, dez. kor. pri ĉ. t. kun ges-anoj el t. m. Aĝo ne gravas. Rc!

*Esperanto-rondeto ĉe Učňovský domov „Nový horník“* (Hejmo por ministlernantoj „Nova Ministo“) OSTRAVA-I., Výstavní 13, ĈSR, dez. kor. kun t. m. kaj iŝ. il. pk., pm., il. g-ojn.

s-ano Konstantin Brada, JESENÍK, Nám. svobody 15, ĈSR, dez. kor. nur kun eksterlandanoj kaj iŝ. filatele afrankitajn leterojn. Rc!

s-ano Ján Hadámek, lernejdirektoro, JAKARTOVICE, okr. Opava, ĈSR, iŝ. kun t. m. il. pk., flug-pm. kaj alumetetikedojn. R. tuj k. ĉiam.

s-ano Fran. Svačina, LANŽHOT, ĈSR, kor., diskursas kaj diskutas dum regionaj kunvenoj pri jenaj temoj: 1) kiel ĉesigi fumadon kaj per mono ŝparita subteni la movadon, 2) Esperantigo de junularo, 3) eterna homa vivo.

s-ano Stefano Dimitrov. BURGAS, Str. Moskva 67, Bulgarujo dez. kor. kun t. m., iŝ. il. pk., pm.

s-ano Einar Andersen, 30-jara instruisto, LINDKNUD, Brorup, Danujo. dez. kor. kun samaĝaj.

*13-14-jaraj gelernantoj* de Einar Andersen (adreso supre) dez. kor. kun samaĝaj infanoj.

s-ano Aage H. Petersen, ODENSE, Pilevej 26-B, Danujo, dez. kor. kun t. m.

s-ano Georges Labonne, CHOISY-le-ROI (Seine), 1-bis Passage Bertrand, Francujo, dez. kor. kun ĉs. esperantistoj.

s-ano S. Bodrogai, 16-jara hungara studanto ESZTERGOM — Pósta, Hungarujo, dez. kor., iŝ. pm. kun ĉ. l.

s-ano Patrik O. Reilly, 20-jara DUBLIN, Philipsburgh Avenue Fairview, Irlando, dez. kor.

s-ano Hiroŝi Mata, 22-jara kemia studento, 25 Kotobuki-ĉoo, Niŝinomijaŝi, Hjoogo-ken, Japanio, dez. kor. kun s-aninoj el t. m. Rc!

s-ano Torsten Bagenstahl, 35-jara, STENSHOLM, Huskvarna, Svedujo, dez. kor. kun ĉs. ges-anoj.

## *Ľudo Izák:* KURZ ESPERANTSKÉHO DOPISOVANIA (6. pokrač.)

Všimli ste si, že v liste bulharského samideána nepreložili sme slová *estimata* a admiri? Prečo? Aby ste si uvedomili, že potrebujete i slovník! Objednajte si ho u Slov. esperantského ústavu v Martine, za Kčs 65.— okrem porta.

Taktiež sme neuviedli výzvu Jozefa Rosu, ktorú uverejnil v časopise. Znie takto:

Altestimata Redakcio de Esperantisto Slovaka! Bonvolu. mi petas, publiki en via gazeto mian anonceton: „S-ano Jozefo Rosa, 10-jara lernanto ... deziras korespondi kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj kaj interŝanĝi uzitajn aŭ neuzitajn poŝtmarkojn, bildkartojn, ilustritajn gazetojn ktp.“ ... Antaŭdankon por via afableco!

Trochu veľa nových slov? Nuž, bez slovíček nemožno sa naučiť ani esperantu! Nie je to však také hrozné, len s chuťou do roboty!

Kara — milý. Ŝatata — vážený. Tre ŝatata — veľmi v. (veľav.) *Estimata* — ctený. *Alt*estimata — vysokoctený.

Redakci*o* — redakcia, redakci*a* — redakčný. Voli — chcieť. *bonvoli* — ráčiť; *peti* — prosiť; *publik(ig)i* čítaj: publiki, publikigi (oba tvary sú rovnako správne) — uverejniť; anonco — oznam, anonc*eto* — malý oznam; *jaro* — rok,

jar*a* — ročný. 10-jara — 10-ročný; *lernanto* — žiak (učiaci sa).
*inter* — medzi, *ŝanĝi* — meniť; *interŝanĝi* — vymieňať.

A teraz prejdeme na množný počet!

*Temo* — téma (predmet, námet), temo*j* — témy; *uzi* — užiť, užívať; uzita*j* — použití, -é; neuzita*j* — nepoužití. -é; *poŝto* — pošta, *marko* — známka, poŝtmarko (poŝta marko) — poštová známka, poŝtmarkoj — p. známky; *bildo* — obraz, *karto* — karta, lístok; bildkarto (bilda karto) — pohľadnica; bildkartoj — pohľadnice.

Pravidlo: koncovkou množného počtu je „-j“.

*Danki por* — ďakovať za; (akceptu) *dankon por* — (prijmite) vďaku za; *antaŭ* — pred, napred; *antaŭdankon* — vďaku vopred; *afabla* — láskavý, prívetivý, vľúdny; *afableco* — láskavosť.

*Ambaŭ* — obaja; *ĉiu* — každý, -á, -é, všetok; ĉiu*j* — všetci, všetky.

Mi estas knabo kaj vi estas knabo. Ni ambaŭ estas knaboj. Vi ambaŭ estas knabinoj. Ni estas knaboj — vi knabinoj. Ni ĉiuj estas knaboj. Ni ne ĉiuj estas knaboj. Ili estas knaboj kaj knabinoj.

Ni estas lernantinoj — vi studentinoj. Ni ĉiuj estas studantinoj.
Lernanto — žiak, stud*e*nto — vysokoškolák, stud*a*nto — študujúci.
Mi estas *laboristo*, ili ankaŭ estas labor*istoj*.
*laboro* — práca (robota); labor*i* — pracovať, labor*isto* — robotník.
Pravidlo: Prípona „-ist-“ značí zamestnanie.

Karaj (ŝatataj, estimataj) kamaradinoj (fraŭlinoj)!

Nur nun vi ricevas nian respondon, ĉar vian leteron ni trovis en nia leterujo nur antaŭhieraŭ. Kamarado Ludoviko portis ĝin hieraŭ kaj eĉ hodiaŭ en sia aktujo. Fine li trovis ĝin kaj transdonis al mi. Espereble vi ricevos nian leteron jam morgaŭ aŭ postmorgaŭ, se nia kara Ludoviko ne forgesos ĝin denove en sia aktujo. Ni tre ĝojas, ke ni havas jam korespondantinojn en eksterlando (fremdlando). Ni almetas ankaŭ bildkartojn kaj uzitajn poŝtmarkojn. Skribu al ni baldaŭ!

Aerpoŝte! Honoron al laboro!

*ricevi* — dostať, *respondi* — odpovedať, *trovi* — najsť *antaŭ*hieraŭ — *pred*včerom, *hieraŭ* — *včera, hodiaŭ* — dnes, *morgaŭ* — *zajtra, post*morgaŭ — *pozajtra*; eĉ — ba i, dokonca; *aktujo* — aktovka, *fine* — konečne, *doni* — dať, *trans*doni — odovzdať (předati), *esperi* — dúfať; espere*ble* — možno, dúfajme, azda.

Pravidlo: Prípona „-ebl-“ znači -eľný, -iteľný (via skribo estas nelegebla — tvoje písmo je nečitateľné).

*sia* — svoj, -a, -e (len pre tretiu osobu v esperante, kým v slovenčine prisvojovacie zámeno „svoj“ používame pre všetky osoby).

*forgesi* — zabudnúť, *denove* — znova (od-nove), *ĝoji* — radovať (tešiť) sa, *korespondanto* — dopisovateľ (dopisujúci); *ekstera* — vonkajší, *eksterlando* — zahraničie; *fremda* — cudzí, *fremdlando* — cudzina, *meti* — položiť, *al*meti — priložiť, *en*meti — vložiť; *aero* — vzduch, *aerpoŝte* — vzdušnou poštou (lietadlom); *honoro* — česť.

*Honoron al laboro! — Česť práci!*

*Bonan* matenon, — tagon, — vesperon, — nokton, — apetiton, — ripozon, — sukceson! Dobr(é, -ý, -ú) ráno, deň, večer, noc, chuť, odpočinok, úspech. (Prečo v esperante je všetko v 4. páde? Lebo si treba všade primyslieť: Mi deziras ...!)

Prosíme, do budúcej lekcie naučte sa, resp. zopakujte si dobre „Výňatok z mluvnice“ v úvode Malého slovníka J. V. Dolinského, najmä úplný prehľad predpôn a prípon, ktorými tvoríme nové slová. (Pre nedostatok miesta budeme ich môcť uvádzať len nesústavne, kvôli zopakovaniu, alebo prehľadu).

## FAMILIO — RODINA

parenco — príbuzný, parencino — príbuzná, parencoj — príbuzní, parencinoj — príbuzné

patro — otec, patroj — otcovia, patrino — matka, patrinoj — matky
filo — syn, filoj — synovia; filino — dcéra, filinoj — dcéry
frato — brat, frantino — sestra; fratoj — fratinoj
avo — starý otec, avino — stará matka
nepo — vnuk, nepino — vnučka
nevo — synovec, nevino — neter
onklo — ujec (strýc), onklino — teta (ujčiná, stryná)
kuzo — bratanec, kuzino — sesternica